Jaro V. Aŭgusto-Septembro 1921 1 — 2

# Internacia Pedagogia Revuo

## (I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

— Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.) —

**JARA KOTIZO :** Aŭstrujo : 60 kr.; Belgujo : 10 fr.; Britujo : 5 s.; Bulgarujo: 25 lev.;C'eh'oslovakujo: 20 kr.;Danujo: 6 kr.;Finlando: 20 mk.; Francujo : 10 fr.; Germanujo : 20 mk.; Hispanujo : 6 pes.; Hungarujo : 60 kr.; Italujo : 10 l.; Japanujo : 3 j.; Jugoslavujo : 30 kr.; Nederlando : 3 g; Norvegujo : 6kr.; Polujo : 60 mk; Rumanujo : 25 l; Svisujo : 6 fr.; Usono : 1 dol.



S^ro Ch. Cart,
rue Soufflot, 12,
Paris
France

**Avizoj de la Redakcio.** — Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis pos'tpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj; sed oni c'iam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaŭ 2 ekzemplerojn de la tradukj'o. — En la fako "Bibliografio" estos recenzitaj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 2 ekzempleroj. — La redakcio respondas letere aŭ pos'tkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo 1 internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

**Redaktoro-Administranto :**
**Sro Jan JACOBS, kasisto de I. A. I.**
**Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen — Belgujo.**

Presejo L. BERREBIERS, ANTWERPEN.

# Estraro de I. A. I.

**Honora prezidanto** : Sro Th. Cart, profesoro de universitato, rue Soufflot, 12, Paris, — Francujo.

**Prezidanto** : Sro J. W. Sevenhuysen, lernejestro, Leidschevaartweg, 123, Haarlem. — Nederlando.

**Vicprezidantino** : Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino, Moltkestr., 101, Köln a/R. — Germanujo.

**Vicprezidanto** : Sro Maréchal, profesoro, Leeds. — Anglujo.

**Sekretario** : Sro F. Durieux, pensiumita lernejestro, Boulevard de la République, 40, Nevers. — Francujo.

**Kasisto** : Sro J. Jacobs, instruisto, Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen. — Belgujo.

**Konsilantoj** : Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo)
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrujo).

---



---

# LUEBLA



Jaro V. Aŭgusto-Septembro 1921 1 — 2

# Internacia Pedagogia Revuo

(I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

**Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)**

Redaktoro-Administranto :
Sro Jan JACOBS, kasisto de I. A. I.
Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen — Belgujo.

## AL NIAJ LEGANTOJ

—o—

En la faka kunveno de la geinstruistoj dum la XIIIa kaj en kiu partoprenis 175 gekolegoj oni decidis unuvoĉe nepre reviviĝigi Internacian Asocion de Instruistoj, pri kiu plenrajte atestis Sro Edm. Privat ke ĝi estas la plej grava el ĉiuj esperantaj fakaj unuiĝoj. Samtempe ĉiuj ĉeestantoj esprimis la deziron tuj reaperigi Internacia'n Pedagogia'n Revuo'n, la oficialan organon de nia asocio, kaj ĉiuj promesis sian apogon kaj kunhelpon. Laŭ tiuj kondiĉoj mi ĝoje kaj kuraĝe akceptis kun plena fido pri la estonteco nian noblan taskon. La kotizon de Internacia Asocio de Instruistoj oni fiksis laŭ la sama bazo de U. E. A. por ebligi al ĉiuj gekolegoj senescepte aliĝi al ĝi. Kaj tio estas necesa. Ni ne nur necesas la moralan subtenon de la gekolegoj sed precipe la monan. La ĝisnun ricevita mono nur sufiĉas por 4 foje eldoni nian bultenon. Por bone fini la jaron ni devos ankoraŭ enspezis la duoblon de la ĝis nun ricevita sumo. Kaj tio estas ebla, tio certe okazos. El la 175 gekolegoj kiuj ĉeestis nian kunvenon en Praha ĝis nun nur 50 aliĝis. Do kiam la ceteraj 125 tenos sian parolon kaj tuj sendos sian kotizon ni jam povas trankvile rigardi la estontecon. Internacia Pedagogia Revuo estas nentes proprajo, ĝi apartenas al vi, al ĉiuj anoj de I. A. I. Profiton nek personan nek opan ni deziras. Amasigi nonon ankaŭ ni ne volas, ĉio, ĝis la lasta monero ni elspezos por servi la grandan rondon da esperantaj geinstruistoj speciale kaj nian sonĝon, nian vivcelon, nian karan, nian noblan Esperanton.

Do kuraĝe al la laboro, la mondo atendas nin !

**Aldona noto.** — Eble multaj el vi, kiam ili estos ekrigardintaj tiun ĉi bultenon volos ĝin forĵeti kaj tuj sendi al mi plendegon pri la malgrandeco de la presliteroj per kiuj ĝi estas presita. Bonvolu mi petas, ne fari tion ĉar, kvankam ni, geinstruistoj, estas la unuaj kiuj plene komprenas la malutilon de malgrandaj literoj kaj sekve devas forigi librojn tiamaniere presitajn, kvankam do nia bulteno devus esti modelo por la aliaj eldonajoj, ni, dum la nunaj malfacilaj tempoj, multe profitas per tio. En tiu ĉi bulteno oni presigis por la sama prezo la duoblon da teksto presigita per ordinaraj literoj ĉe alia presisto. Ankaŭ mi esperas ke la nuna presisto baldaŭ havos iom pli grandajn literojn esperantajn. Bonvolu do ne plendi, preni fortikajn okulvitrojn kaj paciencon, ĉar "post pluvo sekvas sunbrilado", diras flandra proverbo.

J. JACOBS.



# RAPORTO pri la kunveno de instruistoj dum la XIII Universala Kongreso Esperantista en Praha, kiu okazis mardon, la 2an de Aùgusto 1921, je la 8 horo en la lernejo, strato Vojtêš'ská.

---

Mardon, la 2an de Aùgusto, je la 8 horo matene, okazis en la lernejo (str. Vojtêšská) kunveno de esperantistaj instruistoj, kiun arangis kolegino **Šupichová** el Praha.

La arangintino de la kunveno malfermis la kunvenon per tre belaj vortoj aludinte la malfacilajojn, kiujn ŝi havis, kolektante materialon por la hodiaùa kunveno precipe en Ĉehoslovakujo. Ŝi varme dankas la gekolegojn el Moravujo kiuj tre vigle laboras por nia kunveno afero, kaj prezentas fine la programon, je kiu estu bazita la traktado dum la hodiaña kunveno.

Ŝi kore bonvenigas la gekolegojn ĉiulandajn kiuj venis Prahan, kaj esprimas gojon por tio esperante, ke la kunveno bone sukcesos. Poste ŝi proponas estraron por la hodiaña kunveno.

Kiel prezidanton ŝi proponas sinjoron **Jan Jacobs el Antverpeno,** kiel sekretarion sinjoron **St. Otruba** el Tèĉetice-Moravujo.

La propono estas akceptita unanime.

Sinjoro **Jacobs** dankas pro la honoro, malfermas la traktadon transirante al la III punkto de'l programo : **Raporto pri la financa stato de I. A. I. dum le jaro 1913-1914 kaj pri la reaperigo de I. P. R.**

Per trafaj vortoj li parolas pri la gisnuna agado de I. A. I., kiu funkciis precipe tre efike antañ la milito. Li parolas pri laboro de gisnuna estraro kaj citas la nomojn de la komitatanoj de I. A. I.

Oni ne bezonas tedi la ĉeestantaron per longa parolo pruvante la gravecon de la organizo de I. A. I. kaj precipe akcentigi la urgan bezonon de nia I. P. R. Li resumas fine kaj konkludas, ke nia I. A. I. estu revivigita kaj gia organo I. P. R. reaperigu kiel eble pliriĉigita per valora enhavo.

Liaj vortoj estas aklamataj per aplaùdo kaj li nun parolas pri la financa stato de la Asocio.

En la kaso trovigas 14 Sm. Estas bezone revizi la librojn, kaj prepari ĉion necesan por la estonta budgeto. Oni devas precipe fiksi la kotizon, ĉar de bona solvo de tiu ĉi afero dependas, ĉu ni povos aù ne aperigadi regule nian Revuon.

La malnovaj membroj de I. A. I. pagis po jaro 1 Sm kaj ricevis senpage la bultenon. Sed la cirkonstancoj postmilitaj postulas, ke la kotizo plialtigu, kaj tio estas afero certe sufiĉe malagrabla sed neevitebla.

Laù lia opinio sufiĉas, ke oni pagu 4 Sm. po jaro. Se la Asocio havos 200 membrojn, oni povos sentime rigardi la estontecon kaj regule aperigadi nian Revuon.

Ni ĉiuj sentas la gravecon kaj bezonon de la ligo de ĉiulandaj esp. instruistoj, kiu povas treege utiligi nian movadon kaj tiamaniere realigi la internan ideon de esperantismo. —

Nun oni transiras al diskuto pri tiu ĉi punkto de'l programo.

Sinjoro **I. W. Sevenhuijsen** (Nederlando) proponas **ne** reaperigadi nian gazeton, ĉar niaj enspezoj ne respondas al elspezoj kaj opinias, ke ni aligu al la mondunuigo de'l esperantistoj kaj interrilatu kun la Geneva „ Esperanto " kiu povus al ni rezervi en tiu jurnalo specialan rubrikon.

Sinjoro **Sohrmann** (Germanujo) subtenas lian proponon. Li ankaù diras, ke la Germana esp. instruistaro kies prezidanto li estas, estas preta aligi principe al la Internacia Asocio de Instruistoj.

Sinjoro **Degen** (Leipzig) diras, ke ni klopodu membrigi ne sole izolitajn esp. instruistojn sed precipe la tutajn korporaciojn tiel ke nia I. A. I. farigu kvazañ **federacio** de'l naciaj organizoj de esp. instruistoj. Estas necese tiun proponon enigi en la statuton de I. A. I.

Sinjoro **Prof. Murath** (Bohemujo) parolas ankañ laù la senco de la propono de sinjoro Sevenhuijsen.

Sinjoro **Prof. Simon** (Aùstrujo) volas, ke nia I. A. I. daùrigu gis nun faritan laboron.

Sinjoro **Jacobs** resumas la proponojn kaj volas, ke la ĉeestantoj voĉdonu ĉu oni ĉesigu la funkciadon de I. A. I. aù ĉu la I. A. I. estu revivigita kaj gia laboro daùrigata.

Unanime oni akceptas la proponon daùrigi la funkciadon de I. A. I.

Sinjoro **Jacobs** dankas kaj proponas, ke oni elektu novan estraron laù listo de la membroj. Sen oni decidas, ke la nuna estraro restu. Gia tasko estu fiksi precipe la jaran kotizon.

La tarifo estas la jena: Aùstrujo: 60 kr.; Belgujo: 10 fr.; Britujo: 5 ŝ.; Bulgarujo: 25 lev.; Ĉehoslovakujo: 20 kr.; Danujo: 6 kr.; Finlando: 20 mk.; Francujo: 10 fr.; Germanujo: 20 mk.; Hispanujo: 6 pes.; Hungarujo: 60 kr.; Italujo: 10 l.; Japanujo: 3 j.; Jugoslavujo: 30 kr.; Nederlando: 3 g.; Norvegujo: 6 kr.; Polujo: 60 mk.; Rumanujo: 25 l.; Svisujo: 10 fr.; Usono: 1 dol.

Sinjoro **Jacobs** promesas, ke la estro faros ĉion eblan por kontentigi la membrojn rilate al la financa problemo de la tuta afero.

Sinjoro **Neuz'il** (Moravujo-Ĉehoslovakujo) proponas, ke oni tuj pagu la kotizon laù la alprenita tarifo. Akceptite.

Sinjoro **Varendonck** (Gent) prave aklamas, ke ĉiuj **landoj** estu reprezentitaj en la estraro de I. A. I. per siaj delegitoj.

Sinjoro **Ĉejka** (Ĉeĥoslovakujo) proponas kiel prezidanton de I. A. I. sinjoron **Sevenhuijsen.**

Sinjoro **Prof. Simon** apogas la proponon aldonante, ke la ĝisnuna prezidanto prof. **Cart** estu la **honora prezidanto** de I. A. I.

Sinjoro **Sevenhuijsen** komence rifuzas sed poste li akceptas novan oficon.

Fraŭlino **Šupichová** (Praha) rekomendas la libron :

**Jan Amos Komensky** kaj ĉar oni parolis pri la rubriko en Geneva „ Esperanto ", sinjoro doktoro **Privat** estu invitata por partopreni nian kunvenon.

Post mallonga paŭzo, dum kiu oni pagis la fiksitan kotizajon de la membroj de I. A. I. parolis sinjoro **Šembera** el Brno (Ĉeĥoslovakujo) pri la famega : **Kantista Societo de Moraviaj Instruistoj**, kies alta arto estas mondkonata dank al multaj concertoj, kiujn la societo absolvis en la plej grandaj urboj Eŭropaj kaj al kiu ŝuldas la XIII Kongreso la grandan impreson, kiun la kongresanoj ĝuis lundon dum la muzika kaj arta vespero, dum kiu la societo kantis. Li invitas la gekolegojn, ke ili partoprenu en la estontaj koncertoj, kiuj okazos en la „ **Smetana halo** " en la reprezenta domo.

Sinjoro **Delanoue** (Francujo) deziras, ke oni respektu la lokajn nomojn de'l urboj sur la landkartoj.

Sinjoro **Degen** proponas, ke oni zorgu pri sufiĉa nombro da esper. instruistoj kaj pri esp. lernolibroj por eviti eblan embarason, se la registaroj akceptus eventualan peton de la XIII kongreso enkonduki esperanton en la lernejojn. (Akceptita.)

Sinjoro **Krumphole** (Ĉeĥoslovakujo) diras kelkajn vortojn pri artikoloj **pri Komensky**, enpresitaj en la Revuo, kaj salutas per varmaj vortoj I. A. I. en la nomo de la: Centra nacia asocio de'l Moraviaj instruistoj.

Sinjoro **Sohrmann** parolas pri kantlibro por la infanaro kaj kore dankas por la libertempa akcepto de germanaj infanoj en fremdlando. Li rekomendas, ke la I.A.I. ebligadu la interŝanĝon de diverslandaj gelernantoj dum le libertempo. Tiun tre simpatian proponon akceptas la ĉeestantaro kaj ĝin varme apogas en sia parolado sinjoro **Privat**, kin dume vizitis la kunvenon. Tiu-ĉi parolis pri la aranĝota " Internacia Konferenco por la Instruado de Esperanto " en Genève kaj montris, kiel ebligi, ke la instruistaro tutmonda povu ĉee ti tiun konferencon. Li promesas persone plenan apogon kaj volas prizorgi aliajn bezonajojn. Lia propone estas principe akceptita kaj oni klopodos realigi ĝin.

Sinjoro **Degen** parolas poste pri la : **Instruo pri laboro.** Li ankaŭ pensas, ke nia devo estu, esperantigi kiel eble ĉiajn niajn sam'andanajn gekolegojn, kiuj tiamaniere fariĝos la plej bonaj propagandistoj de esperanto kaj samtempe klopodos esperantigi siajn gelernantojn.

Sinjoro **Simon** pensas, ke estas necese kolekti la oficialajn dekretojn de la registaroj pri la enkonduko de esperanto en lernejoj.

Sinjoro **Testud** (Francujo) parolas ankoraŭ pri la kreo de uniforma lernejo de la laboro kaj sincere aklamas nian I.A.I.

Fine sinjoro prezidanto Jacobs dankas la ĉeestantojn por tiel multnombra partopreno kaj fermas la kunvenon. .

---

Post la kunveno okazis posttagmeze opa vizito al la konstanta lerneja ekspozicio en **Pohor'ele** kaj la vizito de'l kastelo Hradĉany, sidejo de la prezidanto de Ĉeĥoslovaka Respubliko Doktoro T. G. Masaryk.

Merkredon, la 4an de Aŭgusto, vizitis la gekolegoj superan lernejon en str. Truhlarská kaj poste ĉeestis la paroladon de kolego Al. Neuz'il, lernejestro en Olomonc-Neredin (Moravujo-Ĉeĥoslovakujo), kiu parolis pri sia propra metodo de manpresitaj ornamajoj kaj amelaj paperoj. Tiu sama ekspoziciis manpresitajn ornamajojn kaj objektojn el kartono kaj amelajn paperojn kiuj, plaĉis eksterordinare al la vizitantoj.

Samtempe kolego **Šembera** el Brno ekspoziciis desegnajojn el algluita kolora papero de siaj lernantinoj el burĝa lernejo. Parolado de kol. Neuzil estis tre instruiga kaj ĝi certe instigos multajn, ke ili klopodos apliki lian metodon en siaj lernejoj.

Al la parolinto dankis sincere sinjoro Sevenhuijsen en nomo de ĉiuj gekolegoj.

Oni akceptis fine proponon interŝanĝadi kun kol. Neuzil laborojn de diversnaciaj lernantoj.

Tiamaniere ni multe puŝos antaŭen la progreson de nia afero.

Praha, la 4an de Aŭgusto 1921.

Stan. OTRUBA,

Lernejesto en Tesètice-Olomonc

Moravujo

Ĉeĥoslovakujo.

(*) Rimarko : La kunvenon ĉeessis 175, geinstruistoj el 17 landoj :

Anglujo, Aŭstralujo, Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Finlando, Francujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavujo, Hungarujo, Nederlando, Rusujo, Svedujo, Svisujo.)

# STATO DE I. A. I. je la 31a de Julio 1914

Je la 1a de Aùgusto 1913 I. A. I. kalkulis :

| | Membrojn. | Abonitajn grupojn |
|---|---|---|
| | 117 | 3 |
| Dum 1913-1914 aliĝis | 49 | 4 |
| | | 1 abonanto |
| | 66 | 8 |
| eksiĝis | 2 | — 1 abonita grupo |
| mortis (abato Richardson) — | 1 | — |
| ne pagis kotizon | 41 | — |
| Restas je la 31a de Aùgusto 1914 | 122 | 7 ( 1 abonanto ( 6 grupoj |

# FINANCA STATO DE NIA KASO
## je la 31a de Julio 1913

### ENSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| En kaso la 1an de Aùgusto 1914 | Sm. | 5,980 |
| Kotizoj | | 121,992 |
| Mondonacoj | | 16,552 |
| Abonoj | | 8. — |
| Anoncoj | | 20,500 |
| 4 libroj de Sro Maréchal | | 2. — |
| 33 trinkpokaletoj | | 0,660 |
| 2 kantlibroj (Rouveret) | | 0,240 |
| 182 oficialaj pos'tkartoj | | 2,092 |
| 59 apartaj kajeroj | | 3,200 |
| Entute | Sm. | 181,216 |

### ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Preskostoj de I.A.I. | Sm. | 119,400 |
| Forsendkostoj de I.AI. | | 23,660 |
| Aliaj pos'telspezoj | | 3,238 |
| Mimeografo | | 4. — |
| Papero | | 3,800 |
| Kotizo al U. E. A. (1913-1914-1915) | | 6. — |
| Vojag'elspezoj al Bruselo | | 2,560 |
| Malprofito (perdo de forsenditaj libroj) | | 1. — |
| Sekretario | | 0,360 |
| Diversaj elspezoj (inko, gumo, leterpesilo k.t.p.) | | 2,476 |
| Rabato konsentita | | 1,470 |
| Entute | Sm. | 167,964 |
| En kaso la 1an de Aùgusto 1914 | Sm. | 13,252 |
| | Sm. | 181,216 |

# PRI LA NOMOJ DE URBOJ

## Raporto prezentita al la faka kunveno de geinstruistoj dum la XIII[a]

°°°O○O°°°

Antaŭ 100 jaroj kaj pli, oni alkutimiĝis, en ĉiu nacio, nomi kelkajn urbojn laŭ laŭlingva ortografio. — Tiuĉitempe tia maniero estis sendube negrava, ĉar, tiam, preskaŭ ne ekzistis internaciaj interrilatoj pro manko da facilaj komunikiloj.

Sed, nuntempe, tute alia estas la situacio, tute aliaj estas la kondiĉoj de la vivo, ĉar neniu povas diskuti pri la nepre necesa internacieco de la komercaj kaj industriaj rilatoj per plenumi ĉies postulojn. Ec ekzistas multaj homoj. Esperantistoj aŭ ne, kiuj private bezonas interrilatiĝi kun samfakuloj aŭ kun samideanoj mem, alilandaj kaj, kompreneble, plej ofte alilingvaj.

Nu, estas evidente ke la nuna mondo devas kompreni ke la nomoj de urboj ne estas tradukeblaj aŭ aliformiĝindaj. — Kial ?

Estas kompreneble je la unua traesploro de la demando.

1. — Ĉu la Instruistaro devas instrui la veron aŭ laŭnaciajn fantaziaĵon ? Tia estis mia demando al la Instruistaro en Praha.

Kiel ekzemplo, mi demandis kial, ĉe la lernejoj,

la Francoj diras Venise
la Germanoj ...... Venedig
la Bohemoj ...... Benatky
la Hispanoj ...... Venecia
la Magiaroj ...... Velence k. t. p.

por instrui la nomon de la urbo kies loka, nacia kaj propra nomo estas Venezia.

Dank' al la fervojoj, la ŝipvojoj, la aŭtomobiloj, la telegrafo, la poŝto, la telefono, la aviado, k.t.p., ĉiu lando povas nun interrilatiĝi. Do mi aludis ke nun estas strange ke la landkartoj, la geografioj ne montras ĉie la samajn nomojn de urboj, ke estas strange ke la Instruistaro ne instruas ĉie la samajn nomojn de urboj, ke estas strange ke oni ne povas trovi sur ĉiu ajn landkarto la saman nomon de la urbo el kiu skribis tiu aŭ alia korespondanto, ke eĉ oni ne povas hejme prepari praktike vojaĝon laŭ naciaj dokumentoj, tamen oficialajn, tial ke, kiam oni veturas eksterlanden, oni legas aliajn oficialajn nomojn, tial ke, kiam oni ricevas leterojn aŭ poŝtkartojn, oni konstatas ke la loka poŝtoficejo uzas urbnomojn, vere oficialajn sed aliajn ol tiuj kiujn oni oficiale instruas ĉie.

Ĉu tia situacio estas komprenebla ?

Jes, por tiuj kiuj trankvile restas hejme, por tiuj kiuj bezonas nur fari morgaŭ tion kion ili faris hieraŭ, por tiuj kiuj estas senzorgemaj al la modernaj bezonoj, por tiuj kiuj ŝatas la rutinismon ! —

En Praha, mi klare montris ke mi estas senpartieca kaj mi demandis ĉu, en ĉefurbo kie ĉiuj nomoj de stratoj estas boheme skribitaj, la nomo de la urbo povas logike esti france : Prague. germane : Prag, tial ke la loka nomo, ĉe la stacidomo, ĉe la poŝtoficejo estas bohema ?

Do mi konkludis ke nur logika estas la nomo PRAHA.

Kiel pruvo de mia senpartieco, mi demandis ĉu estas logike ke la ĉefurbo : London estas ĉu Londres por la Francoj; ĉu Londen por la Nederlandanoj; ĉu Londyn por la Bohemoj ?

Ankaŭ mi demandis ĉu estas logike legi ke la ĉefurbo Wien estas Viden (elp. france Vidègne) por la Bohemoj, aŭ Vienne por la Francoj kiuj ja havas francan urbon kiu havas la saman nomon ?

Ankaŭ mi demandis pri aliaj ekzemploj tute same tre strangaj kaj mallogikaj.

Nu, pri tiu grava temo, mi raportis en Praha ke mi mem vizitis en Paris la Direktoron de la fama eldonejo " Taride ".

Li tute konsentis kun mi sed li respondis al mi ke oni devus interkonsenti, inter naciaj eldonistoj, por alpreni internacian decidon : nomi la urbojn laŭ la nacia kaj loka ortografio.

Al tiu Direktoro mi tuj respondis : mi opinias ke via eldona firmo estas sufiĉe grava kaj konata por ke vi mem alprenu logikan decidon kaj por ke vi montru al via nacia kaj internacia klientaro ke vi scias kaj volas instrui la veron. Mi donis al li skriban raporton por privata prijuĝo, ĉar mi konkludis ke, se li atendos interkonsenton, post 50 jaroj, li neniun interkonsenton ricevos.

Kaj nun, ĉar la Instruistaro en Praha aprobis mian rimarkon, nome ke nur logika kaj vera estas la loka ortografio, mi opinias ke necesa estas la disvastigado de tiu movado por alprenigi ĉie la lokan ortografion.

2. — Pri la sama temo aprobis mian rimarkon la Poŝtoficistaro en Praha, ĉar evidente la Poŝtoficisto ne bezónas malsimplaĵojn por disdoni aŭ transdoni ĉiutage multege da korespondaĵoj

3. — Pri tiu ĉi temo private mi diskutis kun diversnaciaj Instruistoj por faciligi la elparolon de la urbnomoj.

Ni reciproke konsideris ke oni devas skribi ilin laŭ la loka ortagrafio kaj " inter krampoj " montri kiel oni devas elparoli per la fonetika alfabeto de Esperanto kiu, plej ofte, tre bone taŭgas por montri ĝustan elparolon.

KONKLUDO

Post tiu klarigo, vi devas konsideri ke ne sufiĉas paroli; por trafi la dezirindan celon,

estas necese ke la movado pli ampleksiĝu. Sekve mi petas vin konsideri la oportunecon de via oficiala deziro dum via kunveno por instigi ĉie :

1º ke oni klopodu internacie kontraŭ ĉiuj por forlasi laŭnaciajn kaj fantaziajn urbnomojn —

2º ke oni nur uzu la lokan ortografion de la urbnomoj —

3º ke, laŭokaze, oni uzu la fonetikan alfabeton de Esperanto por laŭeble instrui la ĝustan elparolon —

4º ke oni ne komencu, prijuĝante pri slavaj, aziaj aŭ diversnaciaj malfacilaĵoj, ĉar, fine, la latina alfabeto estas la plej ofte uzata sur la tuta terglobo.

Mi diris.

Mi fidas al via diligenta atento kaj mi antaŭdankas al vi se vi bonvolos sendi al mi la petatan decidon de via kunveno kiu estas kompetenta por prijuĝi logikan kaj praktikan demandon.

Sindoneme Via,
DELANOUE.
Delegito de U. E. A. en Nemours
20, rue des Moulins.

---

# ESPERANTO EN LERNEJOJ

°°°OO°°°

La decido de la Ligo de Nacioj ordonis enketon pri la instruado de Esperanto en lernejoj kaj meti tiun ĉi problemon sur la tagordon de sia venonta kunveno estas la plej bona respondo al la deziresprimo de nia XIIIa Kongreso en Praha. Sed la tuta afero bezonas bonan sciencan kaj leĝan preparon.

La komisiono elektita en Praha, la Internacia Asocio de Instruistoj kaj eĉ kelkaj diversnaciaj ministrejoj de publika instruado deziras kunlabori por atingi la celon ne nur teorie kaj do vane, sed antaŭ ĉio praktike kaj laŭgrade. La enketo de la Ligo de Nacioj [illegible] la registarojn pri jam komencitaj provoj,pri disvastigo de la lingvo, pri amplekso de preta literaturo, pri ekzisto de eblaj instruantoj. Niaj naciaj societoj bonvolu jam nun prepari akuratan respondaron al tiuj demandoj.

La raporto kredeble ne konkludos per iaj proponoj aŭ rekomendoj. Estas do necese, ke iu estera kompetentaro alportu precizajn planojn post serioza studado. Kiel oni povus enkonduki Esperanton ? En kiaj lernejoj oni devus ĝin instrui ? Al kiomaĝaj infanoj ? Laŭ kiaj metodoj ? k.t.p. Tial ni decidis aranĝi en Genevo **Internacian Konferencon por la Instruado de Esperanto,** kiu okazos proksiman printempon ĉirkaŭ Pasko. Ĝi estos oficiale kunvokata kaj patronata de la Instituto J.J. Rousseau (Alta Lernejo de Eduka Scienco ĉe la Geneva Universitato, nomita laŭ la fama XVIII-centjara filozofo).

Komprenéble tia Konferenco povas nek simili, nek iel konkurenci niajn grandajn ĉiujarajn Kongresojn, vastajn popolajn festkunvenojn de l'Esperantistaro. Ĝi estos nur malmultnombra labora **Konferenco** de 30 ĝis 40 delegitoj kun karaktero studa, kvazaŭ kunsido de teknika komisiono. Ĝi dividiĝos en du fakoj; unu pedagogia, unu organiza aŭ ŝtatista. La unua aŭdos raportojn pri spertita instruado de Esperanto en lernejoj kaj diskutos pri ili laŭ pedagogia vidpunkto, la dua klopodos prepari planon por oficiala enkonduko eble per redaktado de rekomendaro aŭ projekto de interŝtata akordo.

En la nomo de la Instituto J.J. Rousseau ni invitas la Komisionon elektitan en Praha kaj la esperantistajn instruistojn kunsidi en Genevo por tiu grava laboro. Ni ankaŭ invitas la naciajn societojn sendi po unu aŭ preferinde po du reprezentantoj, speciale kompetentaj. Oni bonvolu nin averti jam nun pri intenco partopreni. Pliaj detaloj venos poste.

Edmond PRIVAT.
" Esperanto ,, Nov. 1921.

---

**Rimarko.** — La Estraro de Internacia Asocio de Instruistoj insiste konsilas al siaj membroj sendi raportojn pri la traktotaj punktoj (vidu ĉi poste) kaj partopreni en la konferenco. Raportojn kaj aliĝojn oni sendu al Sro Dro Edm. Privat, Genève, Svisujo.

---

## Programo de la Internacia Konferenco por la Instruado de Esperanto, okazonta ĉirkaŭ Pasko 1922 en Genève (Svisujo)

1. — Raporto pri la spertoj faritaj : a) en la unuagradaj lernejoj;
   b) en la duaj gradaj lernejoj.
2. — Pedagogia valoro de esperanto kiel logika preparado por la studado de vivantaj lingvoj.
3. — Influo de esperanto sur la infano en sociala, homama kaj utiliga rilato.

4. — Organizado de la instruado de esperanto; elekto de la metodoj kaj de la lernjaroj.
5. — Enkonduko oficiala de esperanto en la lernejojn. (Projekto de internacia interkonsento, submetota al la Ligo de Nacioj.)

# INTERESA LEG'O EN BELGUJO

## Leg'o koncerne la plej talenthavantoj

## C'APITRO I. G'ENERALAJ ARANG'OJ

ARTIKOLO 1a.

La komunumoj kiuj enhavas almenaŭ 20.000 enloĝantojn havas la permeson fondi komencante de la 1a de oktobro 1922 Komunuman Fundon de la Plej Talenthavantoj.

Diversaj komunumoj enhavantaj kune almenaŭ 20.000 enloĝantojn povas kuniĝi por fondi Fundon interkomunuman.

ART. 2a.

Estas fondita, komencante de la sama dato, en ĉiu provinco, Provinca Fundo de la Plej Talenthavantoj al kiu devas aliĝi ĉiuj komunumoj kiuj ne estos fondintaj komunuman aŭ interkomunuman Fundon.

ART. 3a.

La Fundoj komunumaj, interkomunumaj kaj provincaj de la Plej Talenthavantoj celas havigi al la infanoj neriĉaj kaj escepte meritplenaj la rimedojn por daŭrigi siajn studadojn post la unuagrada lernejo.

ART. 4a.

Estas konsiderataj kiel neriĉaj la personoj kiuj, ĉu pro si mem, ĉu pro siaj gepatroj aŭ pro tiuj kiuj zorgas pri ili, apartenas al unu el la sekvantaj kategorioj :

a) La laboristoj, taglaboristoj, laborantoj aŭ servantoj.

b) La kontoristoj kaj aliaj oficistoj subalternaj kaj malsuperaj, same tiuj de la Ŝtato kaj de la publikaj administracioj, kiel tiuj de la privataj personoj, de la komercistoj, de la societoj aŭ aliaj privataj entreprenoj, la instruistoj aŭ aliaj publikaj oficistoj samkondiĉaj, okupataj en la instruaj institucioj se la salajroj de tiuj personoj ne superas maksimumon fiksitan de la Registaro.

c) Ĉiuj aliaj personoj kies rektaj impostoj je la profito de la Ŝtato ne superas maksimumon fiksitan de la Registaro.

Tiu-ĉi lasta kondiĉo ankaŭ valoras por la personoj menciitaj en lit. b) ĉi-supre.

La maksimumoj difinitaj en lit. b) kaj c) estas fiksataj de reĝa decido, laŭ la lokoj aŭ regionoj, laŭ la konsilo de la konstantaj deputataroj.

ART. 5a.

Estas konsiderataj kiel escepte meritplenoj, la infanoj kiuj, ne nur sekve de la rezultatoj en la lernejoj kiujn ili estos akirintaj, sed ankaŭ pro sia observemo kaj iniciativemo, siaj elpensaj kaj imagaj kapabloj, sia karaktero kaj volo, fine, sia konduto, estos almontritaj tiaj, laŭ la maniero montrita en la art. 17, 18, 22 kaj 23.

ART. 6a.

La normalaj monrimedoj de la Fundoj komunumaj, interkomunumaj kaj provincaj estas

1. Monsubteno komunuma
2. Subvencio provinca
3. Monhelpo Ŝtata.

ART. 7a.

La monsubteno komunuma estas fiksita kiel sekvas

Por la jaro 1923 : 10 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1924 : 15 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1925 : 20 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1926 : 25 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1927 kaj la sekvantaj : 30 centimojn po enloĝanto.

ART. 8a.

La subvencio provinca estas fiksita kiel sekvas :

Por la jaro 1923 : 2 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1924 : 4 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1925 : 6 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1926 : 8 centimojn po enloĝanto.
Por la jaro 1927 kaj sekvantaj : 10 centimojn po enloĝanto.

ART. 9a.

Estos kotizita por la kvara kvaronjaro de 1922, monsubteno komunuma kaj subvencio provinca kalkulitaj laŭ la bazo de la imposto de 1923.

ART. 10a.

Reĝa decido povos, pro la disponeblaj monsumoj, malaltigi, pro ĝenerala aranĝo kaj dum fiksita tempo, la sumon de la monsubtenoj kumunumaj kaj provincaj.

ART. 11a.

La monhelpo de la Ŝtato, kies valoro ne povas esti malpli ol la tuta sumo de la monsubtenoj komunumaj, estos fiksata ĉiujare de la leĝo de la Financoj.

ART. 12a.

La provincoj kaj la komunumoj povas ricevi donacojn kaj heredajojn je la profito de la Fundoj de la plej Talenthavantoj. La akcepto de tiuj donacitajoj estas dependigita de la reĝa aprobo, por tio kio koncernas la kondiĉojn kiuj povus ilin afekti.

La Ŝtato povos ricevi mondonacojn, kun la devo dividi la sumon inter kelkaj fiksitaj Fundoj. Pro manko de difino tiurilate, tiu sumo estos dividata egale inter ĉiuj Fundoj komunumaj, interkomunumaj kaj provincaj, laŭ la bazo de la loĝantaro.

ART. 13a.

La profintanto de la Fundoj de la plej Talenthavantoj, akceptante la oferatan helpon, prenas la moralan devon repagi tiun al la nomita Fundo, tiam kiam iliaj monrimedoj tion al ili ebligos.

ART. 14a.

La loĝantaro konsiderota en la aplikado de la antaŭaj aranĝoj, estas tiu kiun almontras la lasta ĝenerala popolsumigo en la lando.

**Rimarko.** — La dua ĉapitro aperos en venonta numero.

J. JACOBS. — Antverpeno.

---

# DIVERSAJ SCIIGOJ

De nia estmata antaŭa kasisto, Sro Th. Cejka, ni danke ricevis 1000 Kr., estante la enhavo de la antaŭa kaso.

---

Nia aĝema kunlaboranto, Sro Albin Neuzil, faris monkolekton je la profito de nia asocio dum distrikta konferenco en Olomouc (Ĉs.) kaj transdonis al ni 120 kĉ. — Tiu konferenco ankaŭ promesis subteni nin per jara kotizo da 50 kĉ. — Ni esprimas tie ĉi nian sinceran dankon je la nomo de I. A. I. kaj esperas ke la lokaj fakaj societoj de instruistoj sekvos tiun imitindan ekzemplon.

Tiu sama nelaciĝebla kolego faris dum speciala kunsido de la grupo esperantista de Olomouc, okaze de nia neforgesebla vizito al tiu urbo, monkolekton, kiu raportis 50 kĉ. Al tiuj malavaraj subtenantoj ni ankaŭ esprimas tie ĉi niajn plej sincerajn dankojn.

LA KASISTO.

---

La 3an de marto de tiu ĉi jaro mortis pro grava malsano nia 63 jara neforgesebla kolegino kaj membrino, **Fino Josefino Finholdt** el Christania (Norvegujo). Internacia Asocio de Instruistoj perdis kun ŝi unu el la plej fervoraj propagandistinoj por sia ideala. Jam antaŭ pli ol 12 jaroj ŝi aliĝis al nia unuiĝo kaj de tiu tempo ĉiujn siajn fortojn ŝi uzis por enigi Esperanton precipe en rondojn de instruistoj de sia lando. Ŝi fondis "Esperanta'n Unuiĝo'n de Norvegaj Instruistoj", kaj ĉiam malfermis por ĝiaj kunsidoj la pordojn de sia gastema hejmo. Ĉiam ŝi estis preta por fari servon al nia asocio; neniam ni vane faris alvokonon al ŝia kunkelpo. Kiam la pasintan jaron ni faris alvokon al la internacia geinstruistaro por revivigi nian unuiĝon, ŝi estis unu el la unuaj kiuj tuj respondis ĝin kaj sendis sian kotizon.

La memoro pri tiu nobla virino neniam forgesiĝos kaj ŝia nomo gravuriĝos per oraj literoj en niaj analoj.

---

Kun granda malĝojo ni eksciis la morton de Sro **Jaroŝ Neuz'il**, la plej aĝa filo de nia estimata kolego Sro Albin Neuz'il el Olomouc-Ner'edin (Ĉeĥoslovakujo). Mi, kiun havis la plezuron dum mia vojaĝo tra Ĉeĥoslovakujo persone konatiĝi kun la 15a jara servema samideano plene komprenas la teruran baton kiu trafis la bonkorajn gepatrojn. Al la funebranta kolego, al lia estimata edzino kaj al liaj simpatiaj infanoj mi sendas je la nomo de I.A.I. la esprimon de la plej sinceraj kondolencoj.

J. JACOBS.

---

Mi petas pri afabla sendado de sciigoj, kiuj koncernas la temon "Esperanto en lernejo". Ĉion mi volas publikigi en mia nacilingve (ĉeĥe) skribita propaganda gazeto "Esperantský Zpravodaj", kiun mi eldonadas por informi la neesperantistan publikon pri nia movado. Volonte mi sendos interŝanĝe kun iu ajn nacilingva (nuntempa) pedagogia gazeto la specimon.

Ĉion adresu al

Fino Julie Supichová,
faka instruistino,
red. de "Esperantský Zpravodaj" en
Praha II. — 2032. — Ĉeĥoslovakio.

Mi ankaŭ interŝanĝas kun gekolegoj il kartojn, utiligeblajn en geografia kaj historia instruado kaj bildajn albumojn de la ĉerfurboj (kun esp. priskribo).

